1973 "A K T U A L E" № 2 oktobro

Monata informilo de SOvetlanda Esperantista Movado

## D E C I D O J de la 7-a Konferenco de S E J M - Konsilantaro.

1. Aprobi kaj taksi kontentiga la laboron de la Komitato en 1972-3j.
2. Aprobi la laboron de traduka, poezia, radioamatora fakoj kaj korespondа servo.
3. Akcepti al SEJM la grupon de Kedainai kaj kandidate la grupojn de Talgar, Tŝvia, Siktivkar kaj Sverdlovsk.
4. Atentigi pro nesufiĉa laboro la SEJM-grupojn de Kaunas, Liepaja Siauliai, Zaporoĵje.
5. Riproĉi pro malaktiveco la SEJM-grupojn de Kaspisk, Kiev, Krivoj Rog, Luck, Tallin, Viljandi.
6. Anonci ekster SEJM la E-grupojn de Avdeevka, Ĝambul, Karaganda, Minsk, Rjazanj, Simnas, Strij.
7. Konfirmi la rezultojn de la socialisma konkurado en SEJM:
   I-a loko - U f a (premii per E-tajpilo kaj transira Zamenhof-pokalo);
   II-a loko - K l a j p e d a (premii per valora librodonaco);
   III-a loko - R i g a (premii per plena iljustrita vortaro).
   Esprimi laŭdojn al SEJM-grupojn de Ufa, Klajpeda, Riga, Vilnjus, Ivanovo, Barnaul, Omsk, Ĥmelnickij, Moskvo, Ĥarjkov.
8. Elekti la SEJM-Komitaton en jena konsisto:
   Prezidanto - A.Gonĉarov(656099, Barnaul -99, ab.k. 11),
   Unua vicprezidanto - V.Arolovič(121019, Moskva, G-19, do vostr);
   Vicprezidanto pri sekretariaj aferoj - V.Ŝilas(323009, Litovio, Vilniuss - 9, Daukanto 8-9);
   Vicprezidanto pri financoj - A.Vizgirdas(Litovio, 235800, Klajpeda, ab.k. 167);
   Vicprezidanto pri kontaktoj kun eksterlando - D.Cibulevskij (310024, Ĥarjkov - 24, Ĉajkovskogo - ~~25/1~~ 25 - 11);
   Vicprezidanto pri fakaj aferoj - V.Laptev (454001, Ĉeljabinsk, Sverdlovskij pr; 39-4);
   Vicprezidanto pri laboro en lernejoj - N.Starodubcev(340092, Doneck, Polockaja 20a - 37);
   Vicprezidanto pri tendaroj - B.Kolker(450025, Ufa, abonkesto 162);
9. Konfirmi novajn fakestrojn:
   Kanta fako - N.Ŝĉerbakova(140051, Kosino, Mossoveta 29-15, Moskvo).
   Magnetofona fako - A.Rogov(281401, Ĥmelnickaja obl; Ĥmelnickij rajon, Ivankovci);
   Bibliografia servo - V.Cvetkova(197137, Leningrado, Ĉkalovskij 60-91).
   La postenon de estro de scienco-teknika fako lasi provizore vaka.
   La foton fakon likvidi. Komisii gvidadon de ceteraj fakoj al la malnovaj fakestroj.
10. Konfirmi monatan informilon de SEJM "Aktuale" kaj komisii ĝian redaktadon kaj dissendadon al la klubo de Barnaul.
11. Komisii kompiladon kaj dissendadon de "Akordo" al la klubo de Riga
12. Por solvi sur la scienca bazo aktualajn problemojn de Esperanto iniciati kreon de Scienc-esplora Instituto de Esperanto sur socia bazo.

La due grave evento estis decido de la SEJM-Komitato organizi
E-Universitaton.La lernantoj de la Universitato studos histori-
onde Esperanto,lernos E-literaturon,konatiĝos kun movadaj prob-
lemoj ktp.Post la fino de la Universitato la studentoj plenum-
os ekzamenojn kaj ricevos diplomojn.La Universitato enhavos kvar
kursojn.Se en ĉi tendaro funkciis unua kurso,do en la sekva
tendaro laboros jam unua kaj 2-a kursoj.Kiel rektoro de la Uni-
versitato elektiĝis al ĉiuj konata kandidato de sciencoj lenin-
grada esperantisto S.N.Podkaminer.
Ne malpli interesa ankaŭ estis amuza parto.Estis faritaj kel-
kaj koncertoj,inter ili du al neesperantista publiko.En la pro-
gramo de koncertoj estis kantoj ,versoj,pantomimoj,skeĉoj,
eroj el la tendara vivo,ktp.Oftaj eksplodoj de ridoj kaj aplaŭ-
doj esprimis humuron de la publiko.Korvarme estis renkontita
la trupo de Riga E-klubo de blinduloj.
Ĉu vi volus ekscii pri ĉarmo de nokta naĝado en la maro,pri
novaj rimedoj de batalo kontraŭ krokodiloj?Verŝajne vin ankaŭ
interesos vivo de esperantistoj en la paradizo?Sekve vi devus
viziti nian KGS-on(klubo de gajaj kaj spritaj).Tio estas tra-
dicia ,gaja tendara konkurso.inter reprezentantoj de okcidenta
parto de Sovetunio kaj la Orienta.Tiun tendaran entreprenon
oni atendas kun precipe granda intereso.Kial ne?Kio estas nere-
ale dume aŭ entute en la vivo,tio povas efektiviĝi dum nia KGS.
Ekzemple dum ĉi KGS la partoprenantoj eĉ parolis dum unu minu-
to al L.Zamenhof.La KGS havis grandan sukceson.Sed ĉi jare ve-
nkis teamo de oriento.
Multaj sportaj konkuroj inter la reprezentantoj de diversaj lan-
dpartoj kaj inter esperantistoj kaj neesperantistoj montris,
ke geesperantistoj scipovas ankaŭ sporti.Multaj homoj disiĝis
kun ni ,firme decidinte ellerni Esperanton kaj veni en Esperan-
tujon.En ĉies memoro restis la noktoj,kiam gejunuloj sidis en
la rondo ĉirkaŭ la fajro,kiam flamoj de la fajro fabele lumigis
la vizaĝojn,kaj E-kantoj forflugis sur flugiloj de gitar-sonoj;
nokta vagado ĉe la mar-bordo kun gitaro kaj kantoj,nokta pilk-
ludoĉe helo de luno,nokta teo-trinkado ĉe la fajro,kiun majst-
re ŝvidis Ljoŝa Gindin el Barnaul.Ĉu tio estas forgesebla?Ĉu
forgeseblas minutoj,kiam Galja Lenskaja el Krasnogorsk rakontis
pri tutmonda Junulara Festivalo en Berlino?Ni tiel klare ĉion
imagis al si,kvazaŭ ni ĉeestis la Festivalon.Interese pasis ve-
spero de E-poezio,dum kiu sonis kantoj verkitaj kaj tradukitaj
de niaj poetoj D.Lukjanec ,Miŝa Bronŝtejn.Ni aŭskultis origi-
nalajn versojn de B.V.Tokarev,V.Čaldaev,N.M.Andrianova,N.Stol-
bun k.a.
En unu el la lastaj tendar-vesperoj okazis festo de naskiĝintoj.
La enaŭgusto naskiĝintoj estis apartigitaj ,kaj tiuj "infanoj"
estis devintaj eltrinki po unu botelo da lakto helpe de suĉilo.
La "infanoj" montris sin bravuloj(? kaj eĉ ne ploris.Iuves-
pere okazis E-loterio,organizita de E-klubo de Ufa.
Ne lastan lokon en tendara vivo okupis ankaŭ kontraŭkrokodila
batalo.Ĉiutage dum matenaj kunvenoj estis enmanigata verda gu-
ma krokodilo al reprezentantoj de tiu urbo,kies esperantistoj
plej multe krokodilis dum antaŭa tago.La Krokodiloj estis pri-
mokita dum koncertoj,kaj diversaj entreprenoj,en kantoj,versoj
ktp.Ni estis kune dum dek tagoj,sed kiom da amika varmo ratiĝis
tiuj ĉi tagoj en ĉies koro!Tiom da novaj amikoj ĉiuj akir-
is!Rememoroj pri la tendaro dum la tuta jaro varmigos la korojn.
El 257 partoprenintoj de la tendaro verŝajne ĉiu ĵuris al si
partopreni la sekvan SEJT-on.

Solena fermo de la tendaro okazis 25-an de aŭgusto. La SEJM-komitatanoj kaj reprezentantoj de urboj elkore dankis la tendar-organizintojn, post kio okazis enmanigo de memorindaj donacoj. Vespere estis organizita la lasta balo, dum kiu oni elektis "Miss" kaj "Mister"-Esperanto, kiuj estis respektive N.Cveleneva el Ufa kaj V.Arolović el Moskvo.

Venos de l' fajro sopira ekbril',
Diros ni : Ĝis revido l' tendar.
Ĉiu ploretos, kaj eĉ krokodil'
Ĵuras l' lingvon ellerno dum jar'.

(M.Bronŝtejn).

Ĉi strofo tutplene esprimas humoron de adiaŭa momento. Ni disveturis en diversajn lokojn de granda Sovetunio, forportinte en si amikan varmecon, arson de novaj kantoj, neforgeseblajn impresojn, kaj firman decidon sekventjare nepre veni en la tendaron.

KRELJ VLADIMIR (BARNAUL).

**        **        **        **

ENCIKLOPEDIO DE SEJT - 15

Esperanto-B U T I K O.
Prizorgis ĉefe geesperantistoj el Litovio (Vilnius, Klajpeda). Estis aĉeteblaj: 1.) Sondiskoj kun litovaj kantoj en Esperanto; 2). Kantoretoj de SEJM; 3). E-libroj (ĉ.60), kiuj estis venditaj al kluboj laŭ lokoj okupitaj dum ĉi-jara konkurado; 4). E-insignoj (7-speco); 5). E-emblemoj;
La butiko certe ne kontentigis soifon de la tendaranoj je literaturo en Esperanto.
F A K A J kunvenoj. En daŭro de du-tri horoj kunsidis aparte matematikistoj, medicinistoj, bibliografoj kaj jogo-interesitoj. Plej fruktodone laboris matematikistoj.
Konkurso de I N T E R P R E T I S T O J.
Preparis-gvidis Manjuŝina Olja el Ufa. Konkursantoj devis interpreti gazetan tekston. Partoprenis la konkurson ĉ.10 personoj. Unuaj tri lokojn okupis respektive: Cejtin G. (Leningrad); Cveleneva (Ufa), Vladimircev Ju (Barnaul).
K L U B O D E G A J A J K A J S P R I T A J. Okazis inter tradiciaj teamoj: Okcidento-Oriento. Okcidentan teamon eniris: Arolović V. - estro (Moskvo), Belogolovskij M. (Doneck), Demĉenko A. (Ĥarjkov), Eksempljarskaja V. ( Ivanovo), Gajdamavičius E. (Vilnius), Ĥarjkovskij A. (Moskvo), Kirilov M. (Moskvo), Ledigin V. (Zaporoĵej), Ribakov M. (Kolomna), Sporiŝin V. (Tula).
Orientan teamon eniris: Krelj V. - estro (Barnaul), Andreev V. (Ĉeljabinsk), Cveleneva N. (Ufa), Caldaev V. (Barnaul), Cilinskij M. (Ufa), Gaisina D. (Taŝkent), Jakovlev V. (Barnaul), Manjuŝina O. (Ufa), Redin G. (Karaktaŝ), Vladimircev Ju. (Barnaul).
Programonde KGS gvidis Bronŝtejn M. kaj Lukjanec D. Juĝa komisiono : Kulikov V.V. , Podkraminer S.M., Tokarev B.V.
Spekti la entreprenon venis ĉiuj tendaranoj; Venkis teamo de Oriento, ne laste dank' al helpo de "malsanuloj".
K O N C E R T O J. Ĉi tendare okazis kvar E-koncertoj: Litovia, Cetroeŭropa, Volgo-Urala, kun apartaj eroj de Ukrajnio kaj Siberio kaj lasta horo de blinduloj - esperantistoj. En vilaĝo Kangure kaj la ripozdomo de Kesterciema estis prezentitaj koncertoj por neesperantistoj.

L A B O R A   T A G O. Ĉirkaŭ 120 getendarenoj veturis matene
per tri aŭtobusoj el vilaĝo Engure, kie laboris por bezono de
la loka kolĥozo. Oni sakris kampon, puriĝis konstruatan domon kaj
laboris per fosiloj. La laboro daŭris ĝis la 16-a horo. Responde
la estraro de la kolĥozo disponiĝis aŭtobuson por ekskurso kaj
du kestojn da bongustega haringo. Laboran tagon modele estris
k-do Natinŝ A. el Petropavlovsk-Kamĉatskij.

L O K O kaj T E M P O de SEJT - 15.
SEJT - 15 okazis 16-25 de aŭgus-
to 1973 jaro en ripozdomo "Albatros" sur la strando de Riga go-
lfo, vilaĝo Kesterciems, distrikto Tukums en Latvio. Organizajn
problemojn solvis E-grupo "Radieto" el Riga sub prezido de Mo-
dinŝ A. Ĉirkaŭ 200 partoprenantoj loĝis en du domoj kaj ĉ.50 -
en tendoj.

P A R O L I G A J kursoj. Entute funkciis kvar paroligaj kursoj.
La plej grandan grupon (ĉ. 60 personoj) gvidis Rogov A.B. (Ĥmel-
nickij) kun helpo de Moĉjovkin V.M. (Poltava). Sekvas rondetoj
de Gercikov G.M. (Talgar) - ĉ.20 personoj, Skvorcova Z.D. (Kujbi-
ŝev) - ĉ.10 personoj, Kulikov V.V. (Omsk) - ĉ.10 personoj.
Kvankam paroligaj kursoj mem laboris kontentige, en la tendara
programo ne estis eroj speciale destinitaj por (aŭ per) progre-
santoj. Sekve plena esperantigo de la progresantoj estis minimu-
ma, al iuj el ili tendaro ne plaĉis.

P O E Z I A   V E S P E R O. Fakte okazis konkurso de E-poetoj.
En la branĉo: originala E-poezio partoprenis M.Bronŝtejn (Tiĥvin),
D.Lukjanec (Barnaul), Cveleneva N. (Ufa), V.Ĉaldaev (Barnaul), N.
Stolbun (Barnaul) kaj eksterkonkurse B.V.Tokarev (Moskvo), B.A.
Rogov (Ĥmelnickij), N.Andrianova (Kiev). La unuan lokon okupis
D.Lukjanec kaj la duan M.Bronŝtejn.
En la branĉo - tradukita poezio partoprenis V.Samodaj (Moskvo)
M.Bronŝtejn (Tiĥvin) kaj V.Aroloviĉ (Moskvo). La unuan - duan lo-
kojn dividis M.Bronŝtejn kaj V.Samodaj.
En la branĉo - originalaj kantoj la unua kaj la duan lokojn oku-
pis respektive D.Lukjanec kaj M.Bronŝtejn.
En la branĉo - tradukitaj kantoj partoprenis M.Bronŝtejn, N.Cve-
leneva, V.Samodaj. La unuan lokon okupis N.Cveleneva.

S O L E N A   M A L F E R M O de la SEJT - 15. Okazis en granda
halo de la ripozejo. Ĉeestis ĉ.180 geesperantistoj. La prezidio
konsistis el la direktorino de la ripozejo, ĉefa organizanto de
la SEJT - A.Kalninŝ el Riga, rektoro de E-Universitato S.N.Pod-
kaminer kaj gvidantoj de SEJM: A.Gonĉarov; V.Aroloviĉ, A.Vizgir-
das. Post la oficialaj paroloj de la prezidio la tendaranojn
salutis reprezentantoj de diversaj E-kluboj. Multaj enmaniĝis
memordonacojn. Fine k-do Gonĉarov deklaris la SEJT-15 malfermi-
ta.

[illegible]

S O M E R A   U N I V E R S I T A T O. Kiel rektoro de la Some-
ra Universitato elektiĝis d-ro de sciencoj Moskoviĉ V.A. (Mosk-
vo). Estis prelegitaj jenaj temoj: 1). Maldensiĝo de internacia
politika atmosfero kaj novaj perspektivoj por la E-movado (S.N.
Podkaminer - Leningrad); 2). Pri psikologio de E-instruado (B.V.
Tokarev - Moskvo);

3).Primatematikaj terminoj en Esperanto(V.VKulikov-Omsk)4)."Internaciaj kaj intermaŝinaj lingvoj(G.S.Cejtin-Leningrad);5). Pri tutsovetia bibliografio en esperanto(V.Cvetkova - Leningrad); 6).Ĉu ni bezonas novajn prepoziciojn?(A.I.Vajtilaviĉius - Vilnius);Kvanto de aŭskultantoj estis de kunveno al kunveno inter 15-40.

S T A T I S T I K O   S T A T I S T I K O   S T A T I S T I

I.El kiaj lokoj venis la partoprenantoj kaj ilia kvanto.

1.Barnaul - 21
2.Briĉani(Moldavio)- - 1
3.Ĉeljabinsk - 7
4.Evenka nacia distrikto - 1
5.Ivanovo - 8
6.Jelgava(Latvio) - 1
7.Kaŭnas - 11
8.Kedainiai(Litovio) - 3
9.Kiisa (Estonio) - 1
10.Kineŝma(Ivanovo) - 1
11.Klajpeda - 18
12.Klimovsk(Moskvo) - 1
13.Kolomna(Moskvo) - 1
14.Kostroma - 1
15.Krasnogorsk(Moskvo) - 1
16.Kujbiŝev - 2
17.Leningrad - 7
18.Liepaja - 5
19.Lipeck - 4
20.Ljuberci(Moskvo) - 1
21.Maĥaĉkala - 2
22.Maĵeikiai(Litovio) -3
23.Miass(Ĉeljabinsk) - 2
24.Moskvo - 10
25.Mitiŝĉi(Moskvo)-1
26.Omsk - 11
27.Orjol -1
28.Petropavlovsk-Kamĉatskij - 1
29.Riga - 18
30.Ŝalĉininkaj(Litovio) - 1
31.Saraktaŝ(Orenburg) - 1
32.Ŝĉelkovo(Moskvo) - 1
33.Serpuĥov(Moskvo)-1
34.Smolenck - 1
35.Soĉi - 4
36.Siktivkar - 2
37.Tallin - 9
38.Talgar(Alma-ata) - 2
39.Taŝkent - 3
40.Tbilisi - 4
41.Tiĉin - 3
42.Tula - 1
43.Ufa kaj Baŝkirio - 20
44.Ustj-Kamenogorsk - 1
45.Velikie Luki - 2
46.Vilnius - 16
47.Vitebsk - 1

II. El kiuj respublikoj:
1.Rusio - 127
2.Litovio - 52
3.Ukrajnio - 27
4.Latvio - 24
5.Estonio - 9
6.Kartvelio - 4
7.Kazaĥio - 3
8.Uzbekio - 3
9.Belorusio - 1
10.Moldavio - 1

III.Estis reprezentitaj n a c i o j :
1.Rusoj - 150;2.Litovoj - 51;3.Latvoj - 23; 4.Ukrainanoj - 16; 5.Hebreoj - 16; 6.Estonoj - 9; 7.Tataroj - 4; 8.Germanoj - 3; 9.Boloj - 3; kaj po unu:uzbeko,baŝkiro,evenko,greko,komi,lako, avario. Entute 16 nacioj.
IV. L A Ŭ  S E K S O : Viroj - 102, Virinoj - 150.
V. PARTIECO: KPdSU - 16, VLKSM - 148.
VI.Kl e r o: Ĝis 8 klasoj - 12; inter 8 kaj 11 klasoj - 16; mezo aŭ meza teknika - 76; nefinita supera - 59; supera - 89.
VII.Laŭ profesioj: 1).Studentoj-62; 2).Inĝenieroj-45; 3).Lernantoj-25; 4).Teknikistoj-23; 5).Oficistoj-20; 6).Altlernejaj instruistoj kaj sciencistoj-17; 7).Instruistoj de lernejo-16; 8).Laboristoj-15; 9).Medicinistoj,farmaciistoj - 8; 10).Verkistoj,ĵurnalistoj-6; 11).Pensiuloj-6; 12).Pentristoj,fotoartistoj-4; 13).Ceteraj - 5;

VIII. Laŭ jaro de esperantiĝo : (1917-1929) - 2 homoj;

(1921-1930)-8;(1931-1936)-4;(1954-1960)-19;(1960-1965)-12;1966-7;
1967-7;1968-18;1969-10;1970-29;1971-24;1972-70;1973-40.

IX.A Ĝ O de la partoprenantoj:

ĝis 17 j. -23
de 18 ĝis20j. -33
de 21 ĝis 25j. -80
de 26 ĝis 35j. -56
de 36 ĝis 50j. -39
pli ol 50j. - 20.

** ** ** kompilis A.Natinj

RADUKISTA kurso:

Ekfunkciis unuan fojon en SEJT-oj.
vidis V.Samodaj kaj V.Arolović,ambaŭ el Moskvo.Ĝis la fino partoprenis
.10 homoj,en unuaj tagoj estis ĉ.20.Komence oni analizis tradukojn de
teksto,farita flanke de 6 personoj (en la kadro de tradukista kurso)
antaŭ la tendaro.Poste oni komune,interŝanĝante opiniojn,tradukis la
tekston.En la konkurso de tradukistoj 1-an lokon gajnis Nina Cvile-
neva(Ufa),kiu ricevis kiel premion la libron "Kit vivas"(el Danlando).
Tradukista kurso tre plaĉis al ĉiaj partoprenantoj.

urso de ORIGINALA Esperanto-LITERATURO.

La kurson venigis kaj prelegis konata moskva espe-
rantisto docento B.V.Tokarev.La temoj prelegitaj jenas:
.Enkonduko.Literatura agado de L.L.Zamenhof.
.Esperanta versfarado.
.Budapesta skolo en Esperanto-poezio.
.Brita skolo en Esperanto-poezio.
.Originala Esperanto-prozo.
Bedaŭrinde la kurso troviĝis en malfavoraj kondiĉoj,kelkfoje
unfalis kun aliaj gravaj entreprenoj.Tial kvanto de vizitantoj
estis inter 15-8 personoj.Estonte la kurson oni enmetos en programon
e Esperanto-Universitato.

SPERANTO-UNIV

SPERANTO-UNIVERSITATO.

Fondita laŭ decido de SEJM-Konsilantaro.Rektoro-
eminenta esperantisto el Leningrad,kandidato de sciencoj,Semjon
amović Podkaminer.En programo de,ĉi jare funkcianta,1-a kurso
stis:1/Antaŭrevolucia E-Movado en Ruslando (lektoris A.Harkovskij -
Moskvo);2/Oktobra revolucio kaj E-Movado.SEU - fondiĝo kaj agado
lektoris S.N.Podkaminer);4/UEA kaj ION (lektoris A.I.Vaitilavičius -
Vilnius);5/SEJM (lektoris A.Gončarov - Barnaul);6/TEJO (lektoris
Šilas - Vilnius);7/Mondpaca E-Movado (lektoris S.N.Podkaminer);
E-Komisionoj de SSOD (lekt. N.Andrianova).Fine estis organizita
lokvio,kiun partoprenis ĉ.20 personoj.En proksima estonto estas
laborota programo kun demandoj por ĉiuj kvar kursoj.Estas pres-
aj ekzamen-libretoj.

peranto-VIKTORINO.

Estis preparita de V.Ŝilas.

a demandoj jenis:1)Fondinto de UEA kaj jaro de fondiĝo;2)Titolo
e unua E-revuo en Ruslando;3)En kia loko kaj kiam estis la plej
unua SEJM-tendaro?4)Kiu urbo okupis unuan lokon en komenco de
ocialisma konkurado?5)Citi freŝajn SEJM-Komitatanojn.6/Kiom da
ortmikoj enhavis la plej unua E-vortaro (de Zamenhof)?
Kia aperis la plej unua E-lernolibro?8)Kiam aperis la plej unua
ndisko kun E-kantoj en Sovetunio?9Kion signifas mallongigo SEU?

A L I A J E N T R E P R E N O J :

En SEJT-XV menciindas:

1. Loterio senmalgajna; 2. Ekspozicio: "Defendu naturon. Birdoj. (org. E. Lippe); 3. Sporta konkuro "tumbi-jumbi" (gajnis Okcidenta teamo); 4. Festo de naskiĝintoj (organizis barnaulanoj); 6. Komuna fotado; 5) Interkona vespero (organizis litovanoj); 7) Ekskurso al latvaj urbetoj; 8) Fakaj kunvenoj; 9. Regionaj kunvenoj; 10. Rakonto pri arabaj landoj (Ŝanodaj); rakonto pri vojaĝo al GDR (N. Cvetkova) ambaŭ rakontoj ilustritaj per lumbildoj. 11. Rakonto pri Universala E-Kongreso en Belgrad (I. Znotinŝ).

"" "" "" "" kompilis-verkis A. Gonĉarov

ĈU ESPERANTAJ I N F A N O J ?

Karaj geesperantistaj gepatroj! Ĉu vi ne rimarkis kiel kreskis lastatempe nombro de infanoj, pli malpli parolantaj Esperanton? Por kio ni esperantigas ilin? Ĉu nur por kontentigi niajn ambiciojn? Eble ofte ni ne metas antaŭ ni iun konkretan celon. Mi proponas unuigi fortojn de gepatroj, provante ekstri hazardan proceden. Pri kio kunlabori? Al mi ŝajnas pri du aferoj: celoj de infan-esperantiĝo kaj pri ties metodoj. Krome ni povus organizi tutlandan infanan bibliotekon, por niaj geknaboj ne senti mankon de inda legaĵo. Se ĉiu el ni tradukos po unu ĉefverko de monda infana literaturo, ĉu ne esperos tiam io provizore kontentiga? Pli malllonge: skribu ekinteresitaj al mi laŭ adreso 310072, Harkov-72, ul. 23 Avgusta 62-127, Lupickomu Juliju.

Fine mi prezentas al vi por via intereso tradukitan artikolon el franca ĵurnalo "Science et Vie" N=2, 1973j., paĝo 68.

"Sufiĉe multnombraj estas landoj, kie pro ekzistado de diversaj kulturaj grupoj ekestas bilingvismo (dulingvismo), -de Belgio ĝis Hindujo, de Kanado ĝis Jugoslavio. Sed ŝajnas malgraŭ tio, ke la bilingvismo ofte kaŭzas akrajn politikajn problemojn, ĝi estas prikonsiderata flanke de pedagogoj.

Tiujn ĉi konkludojn oni povas fari post fino de laboro, publikigita de Kleriga instituto en provinco Ontario (Kanado), surbaze de pedagogia eksperimento.

600 infanoj el anglalingvaj familioj en unu distrikto de Ottava lernis de la unua klaso plene en la franca lingvo. Post fino de la dua klaso, kiam ĉi infanoj atigis 7-jaran aĝon oni faris al ili testesploron kune kun anglaj kaj francaj infanoj, ricevintaj saman instruon en propraj lingvoj, t.e. en angla kaj franca.

Neniu ekmiris pri tio, ke malgrandaj angloj, lernintaj france, legis angle malpli bone ol angloj, lernintaj en la angla. Sed ĉiuj estis embarasitaj, ke postresto estis bagatela kaj precipe per tio ke angloj, lernintaj en la franca, legis france pli bone, ol tiuj francoj, lernintaj en la franca lingvo. Tiel same en matematiko la angloj, lernintaj france, pli sukcesis.

Sendube ekzistas kaŭzoj opinii, ke kruciĝaj kulturoj pli evoluigas kapablojn ol tiuj monolingvaj. Tiu ĉi esploro devas atentigi pedagogojn de la tuta mondo."

Ju. Lupickij (Ĥarkov)

* * * * * * * *

Materialojn por "Aktuale" sendu: 656099, p.k. 11, Esperanto-klubo.
Redaktis Ju. Vladimircev.